# Esperantista Vegetarano 2002

**Organo de TUTMONDA ESPERANTISTA VEGETARANA ASOCIO (TEVA)**
Movado fondita en 1908 - Unua Honora Prezidanto Lev N. Tolstoj

## Enhavo



*Kovrilo: Lagoj de Plitvice, Kroatio - Fotis Filomena Canzano*

**Redaktoroj** : William Simcock, Bob Felby, Ejnar Hjorth, Mark Steinberg,
**Poŝta Adreso:** Lilia Fabretto - Via Pietro Cartoni 12/12 - IT - 00152 ROMA, Italia
Fakso 06 58202232 - Elektronika poŝto: centro.stampa@tiscalinet.it

*Presita de Tipolitografia Romagrafik - Via V. Putti 13 - 00152 Roma, Italia*

## *Karaj gesamideanoj,*

*kun surprizo ni rigardas la homojn, kiuj ludas keglojn.*

*La infanoj gaje ludas en la ĝardenoj, kaj per la ĵetado de etaj lignaj globoj ili penas renversi lignajn kolonetojn. Ili ne konas la enan signifon de la kegla ludo; ili ĝojas kaj estas feliĉaj.*

*Sed la homoj konas la signifon de la ludo, kiam ili trafas kaj renversas homojn anstataŭ trafi lignajn kolonetojn, kaj uzas hommortigilojn anstataŭ uzi lignajn globetojn.*

*La ludo estas la sama, nur la iloj estas malsamaj.*

*Ĉu tiuj homoj kegloludantaj ĝojas?*
*Ĉu ili estas feliĉaj?*

---

*– Ĉiumatene, je la vekiĝo, ni sendas libere kaj sen ritoj penson de amo al la tuta kreitaro, al ĉiuj homoj, bestoj, plantoj, kaj tiu pozitiva ĉiutaga penso nutras ankaŭ nin je harmonio –*

---

# La ekonomiko kaj la Naturo

## La donacoj de la Naturo

La Naturo ne konas monon. Sen mono ĝi ofertas belecon kaj nutraĵon al la spirito kaj al la korpo de ĉiuj kreitaĵoj: tiom multe, kiom ĉiu kreitaĵo bezonas, kaj ne pli ol tia kvanto.

Ĉio tio, kio naskiĝas sur la Tero, ĉerpas en ĝusta mezuro el la Naturo, kaj inter difinitaj limoj, ĉiuj ricevas sufiĉe da lando, akvo, sunbrilo.

La terglobo ne fariĝas pli vasta, kaj la kreitaĵoj vivas inter precizaj limoj.

## La pligrandiĝo de la ekonomiko

La ekonomiko, kiu devus reguligi la produktadon kaj la distribuadon de la riĉaĵoj, male, ne konas limojn. Ĝi nuligas la ekonomion, kiu estas la ŝparema ordo en la administrado de privataj kaj instituciaj bienoj. La ekonomiko urĝas: laboru pli, gajnu pli, kaj elspezu kaj malŝparu; aĉetu; forĵetu; kiam la aĵoj estas difektitaj, ne vin ĝenu ripari ilin, aĉetu novajn; hastu pli kaj pli; superu la alian, detruu la konkurantojn unu post la alian, kaj per tio, pli kaj pli kaj eĉ pli vi kreskos.

Ĝis kiam?

## La Naturo ritmas

La Naturo ritmas: paŝo post paŝo; sufiĉas; kontentiĝu; prenu tiom, kiom vi bezonas; ĝuu la belecon; konkuru, se vi volas, sed en limoj; lasu al la konkuranto

suficân kvanton por vivi; dividu la nutraĵon kaj la landon; la difektitajn aĵojn riparu; nenion forĵetu; ĉio povas esti iucele reuzebla.

## Bilancoj

En la revuo *The Vegetarian* ĵus aperis intervjuo kun *Lord Weatherill*, iama Prezidanto de la Brita Ĉambro de la Lordoj kaj nun Membro de la Supera Ĉambro de la Brita Parlamento. *Lord Weatherill*, kiu estas, parenteze, denaska vegetarano, asertas: "Ni politikistoj ofte parolas pri - havi la bilancon ĝusta - la bilancon de komerco, de pagoj, kaj tiel plu-. Sed alia bilanco estas eĉ pli grava, kaj tio estas la bilanco inter materia progreso kaj spiritaj valoroj. Eraru en tio, kaj neeviteble katastrofo sekvos".

## Transformiĝo

La limoj estas transpasitaj. La Tero ribelas. Kaj ribelas ankaŭ la homo, kiu la rezulton de la propra agado nun vidas.

Kiam la malluma detrua povo atingas siajn limojn, ĝi tute ekmontras sin en la lumo, kaj en la lumo ĝi transformiĝas de negativa en pozitivan forton.

Tiu ĉi momento naskas la konscion de la propraj eraroj, kaj per la volo de la homo mem, la homaj eraroj konsciitaj, akceptitaj kaj ne plu ripetitaj, transformiĝas de detrua povo en liberigitan povon de VIVO.

La pezo de la pasinteco malhelpas la iradon. La lumo estas antaŭ niaj okuloj, la mallumo estas malantaŭe.

La homo estas vivo, kaj ene de la homo, kiu tion konscias, ekzistas la pozitiva solvo al ĉiu homa problemo.

# *12 PAŜOJ AL SANA VIVO*

## de Joan Borysenko

1. *Akceptu ke vi ne povas kontroli la eksterajn cirkonstancojn de via vivo, sed ke vi povas kontroli viajn respondojn al ili. Rekadru viajn respondojn, por ke ili konduku al pozitivaj agadoj kaj sentoj.*
2. *Bona sano dependas kaj de fizikaj kaj de mensaj faktoroj: do ĝuste manĝu, ĝuste ekzercu kaj meditu regule.*
3. *Pensu ke vi estas sana; ne pensu ke vi estas malsana.*
4. *Ŝanĝo estas la sola konstanta fakto en la vivo, do pro tio malfermu vian menson al ŝanĝo en via vivo. Ne kontraŭstaru al la ŝanĝo aŭ plendu pri ĝi.*
5. *Viaj kredoj estas pli potencaj ol vi scias. Konsciu pri ili. Admonu ilin, kaj estu certa ke ili estas pozitivaj. Se ne, ŝanĝu ilin.*
6. *La sola vojo por eskapi al streĉado, timo aŭ dubo estas rekte alfronti la kaŭzojn de tiuj emocioj.*
7. *La du fundamentaj emocioj estas timo kaj amo. Ĉiam elektu amon.*
8. *Kiam ĉeestas elekto inter esti ĝusta aŭ esti en paco, elektu pacon.*
9. *Akceptu vin mem kia vi estas. Ĉiuj havas mankojn. Ĉiuj estis vunditaj. Ĉiuj estis devintaj alfronti amarecon. Neniu estas perfekta. Ni estas tiuj, kiuj ni estas.*
10. *Kiam vi estas kolera aŭ vi sentas rankoron pri iu, ĉesigu la emociojn, kaj praktiku pardonon - inkluzive de pardono al vi mem -.*
11. *La vivo neniam laciĝas doni al ni instruajn lecionojn. Sana homo estas ĉiam malfermita al la lernado kaj al la malkovro. "Kiam la lernanto estas preta, la instruisto aperas".*
12. *Estu pacienca. Esti pacienca ne signifas subpremi senpaciencon; sed pli ĝuste havi zorgan atenton al la procezoj ĉirkaŭ vi, kaj ne al la zorgo pri rapida efektiviĝo de la produktoj de tiuj procezoj.*

*Al la ĉi-supraj paŝoj, unu pluan oni povas aldoni: amu kaj traktu kun respekto vin mem.*

# Ajlo

## *mirige resaniga kaj vivplidaŭriga.*
## *Ĉu "socie" problemiga?*

Terapeŭtikaj verkoj en ĉiuj tempoj estintaj kaj estantaj informas pri la sanigaj, vivplidaŭrigaj kaj mirige resanigaj efikoj de la legomo ajlo (*Allium sativum L.*).

Male, tiu modesta kaj trankvila legomo, havas la econ flamigi pasie la homojn favorajn, kontraŭ tiuj, kiuj estas malfavoraj, kiam ili diskutas pri ĝi. Ekzistas du kategorioj de homoj: tiuj, kiuj amas ajlon, kaj tiuj, kiuj tute malamas ĝin. Sed aparte la personaj, rokfirmaj konvinkoj, funde funde, la motivo de tiu daŭra kaj granda batalado estas unu sola: la "socie" malagrabla alicino.

### Kiel la ajlo kaj la cepo ene de la bulbo laboras

En la ajlo, inter aliaj substancoj, estas alicino, aliino kaj alinazo.

La alicino estas likva, senkolora kaj ĥemie malstabila substanco. Kiam la bulbo kaj la bulberoj de la ajlo estas integraj, ili estas senodoraj; kiam oni tranĉas kaj premas ilin, la enzimo alinazo reagas; la aliino, aminoacido entenanta sulfuron, kiu estas la "antaŭvenanto" de la alicino, eniras sur la scenejon, kaj ĝi transformiĝas en alicinon; la alicino sekve disvolviĝas, kaj ĝi eligas la tipan odoron de la ajlo.

La alicino estas baktericida kaj kontraŭinflama.

Ankaŭ la cepo enhavas la enzimon alinazo. Kiam

oni tranĉas cepon, la alinazo reagas, kaj per ĥemia proceso formiĝas la larmiga faktoro.

La ĥemia, larmiga faktoro estas volatila; ĝi solviĝas en akvo. Pro tio, se forprenante la ŝelon de la cepo, oni tuj metas ĝin sub kurantan akvon, la faktoro larmiga malpliiĝas.

La enstomakigo de ajlo kaj cepo postlasas daŭreman memoron. Kial? Ĉar inter la ĥemiaj substancoj, kiuj konsistigas ilin, estas sulfuro. Kiam ajlo kaj cepo eniras en la fluon de la sango, ili trovas eliron en la aeron elspiritan, kaj tra la poroj de la haŭto.

Kuirita ajlo ne havas fortan odoron, ĉar la enzimo alinazo estas detruita dum la kuirado, kaj la alicino ne povas disvolviĝi. Alicino ĉeestas nur en nekuirita ajlo.

Por terapeŭtikaj celoj estas konsilinde uzi ĉiam nekuiritan ajlon.

## Ultraviola radiado

Laŭ prof. Gurwich, Rusa elektrobiologo, ajlo kaj cepo radias strangan specon de ultraviola radiado. Tiuj ĉi radiadoj stimulas la kreskon kaj la aktivecon de la ĉeloj, kaj ili havas rejunigan efikon sur ĉiuj korpaj funkcioj.

## Preventilo kaj resanigilo

Ajlo preventas kaj helpas resanigi plurajn perturbojn, kiuj estas interalie: artrito, astmo, bronkito kronika, diabeto, difterio, disenterio, gastrito, kojlito kronika, kokluŝo, pikoj de insektoj, pneumonio, intestaj kaj renaj perturboj, reŭmatismo,

tifo, tuberkulozo, virusaj malsanoj; ĝi estas antibiotiko kaj antikoagulanto, kaj precipe efika kontraŭ askaridoj kaj oksiuroj.

**Ĝi estas efika kontraŭ:**

| | |
|---|---|
| Malvarmumo | Ĝi preventas ĉiujn simptomojn de malvarmumo kaj efike kuracas gripon, gorĝdoloron, inflamojn de la naza mukozo, febron, tuson, ktp.; ĝi akcelas resaniĝon, kaj la tempon de konvalesko. Oni povas uzi freŝan ajlon aŭ preparaĵojn tiucele. En Rusaj hospitaloj oni uzas vaporiĝemajn ekstraktojn el ajlo, kiuj, vaporigitaj, estas enspirataj de la malsanuloj. |
| Pustuloj | Kiam oni havas pustulojn, la sango devas esti purigita, kaj pro tio estas konsilinde manĝi freŝan ajlon; sur la afekciita parto oni delikate premu nekuiritan ajlon plurfoje dum la tago. Tio efikas ankaŭ sur malsanaj lipoj kaj buŝo, kaj sur inflamita gingivo. |
| Sangopremo | Manĝado de ajlo helpas purigi kaj fluidigi la sangon; krome, ĝi plilarĝigas la angiojn; la sango pro tio pli bone fluas en la vejnoj, kaj la sangopremo malplialtiĝas. |
| Ureta acido | Ureo estas blanka substanco kristaliĝinta, kiu aperas en urino pro malkombinaĵo de proteinoj (PIV). Ajlo enhavas naturajn substancojn, kiuj havas la econ solvi la uretan acidon. |

## La malagrabla odoro

Solvo por forigi la malagrablan odoron de la ajlo eble ne ekzistas, malgraŭ la multaj provoj. Helpas:

- bone maĉi la freŝajn ajlon kaj cepon por helpi bonan digestadon
- kunmanĝi verdajn legomojn riĉajn je klorofilo
- maĉi kardamomon, aŭ ŝelon de oranĝo.

La "socia" problemo solviĝas, kiam ĉiuj kune manĝas ajlon, sed male ĝi leviĝas, kiam unu sola estas la manĝanto: ĉiuj aliaj forkuras antaŭ li aŭ ŝi por savi sin de lia aŭ ŝia terure malagrabla ajla spiraĵo; kaj la kompatinda riskos vivi cent jarojn sanege, sed ermite en soleco. Ŝercojn for, ankaŭ en tiu ĉi okazo, la solvo estas en la ĝusta mezuro: manĝante ajlon kaj cepon en la ĝusta momento, oni povas kaj vivi sana cent jarojn kaj agrable en societoj.

## Kulinaraj spikumaĵoj simplaj kaj popularaj

Freŝa ajlo nekuirita konservas ĉiujn siajn vivelementojn, sed ĝi estas tre uzata ankaŭ en kuirado.

La gusto subtila de ajlo plibonigas preskaŭ ĉiun recepton, plialtigante la naturan guston de la manĝoj, tial ke malmulto aŭ ne plua spico necesas.

Frotu la salatujon per ajlo antaŭ prepari salaton. Se oni deziras pli fortan guston, aldonu tranĉaĵojn de bulberoj al la kondimento kaj lasu ripozi 2 horojn. Forprenu la tranĉaĵojn antaŭ spici la salaton.

La foliojn haketitajn oni povas miksi kun legomoj.

La bulboj estas tre bongustaj kuiritaj sub la cindro.

# Ĉambromuziko:

## *la ronknokturno*

Oni ŝercas pri ronkado, sed tiu, kiu nokte dormas - aŭ penas dormi - ĉe ronkanto, certe pensas ke tio ne estas ŝerco.

Ofte malgravaj problemoj devigas ke oni spiru per malfermita buŝo dum la dormo, tamen se oni ilin solvas, oni solvas ankaŭ la ronkproblemon. Estas konsilinde kontroli la sango-premon, la korpan pezon, la dumdorman apneon, la nazajn obstrukcojn, kaj eviti fumadon kaj alkoholaĵojn.

Kial oni ronkas? Kun buŝo fermita oni ne ronkas, ĉar la tuta spiro pasas malantaŭ la palata velo. La palata velo estas membrana septo, kiu disigas la partojn nazan kaj buŝan disde la faringo. Dum la dormo, se la buŝo estas malfermita, la palata velo estas libera moviĝi inter la malantaŭa parto de la faringo kaj la bazo de la lango; la aero disiĝas inter la buŝo kaj la nazo; ĝi frapas la liberan randon de la velo, kaj ĝia vibrado eligas la tipan bruon.

Antaŭ enlitiĝo, malstreĉiĝo de la tuta korpo estas esenca. Malstreĉu la mensan aktivecon kaj la tension; spiru malrapide kaj ritme; koncentru la penson sur la spiron kaj sur nenion alian dum 5 minutoj. Kiam en lito, pensu kiel vi trankvile spiras kaj kiel bone vi fartas.

Kelka guto da oleo de timiano sur kotona tuketo en la dormoĉambro helpas bone spiri dum la dormo, kaj se la kaŭzo de ronko estas malfacila spiro, timiano helpas. Timiano estas amiko de la pulmoj. Fumigacio per freŝaj floroj de timiano estas rimedo kontraŭ longedaŭra bronkito. Verŝu bolantan akvon sur freŝajn florojn de timiano: ĉiuvespere enspiru 5 minutojn ĝian bonodoran vaporon dum la monato, kiam timiano floras.

# GRIPO
## akurata, jara vizitanto

Feliĉe la epidemio de gripo, kiu trafas ĉiujare homojn kaj animalojn en diversaj partoj de la mondo, ne ĉiam sin prezentas kiel grava malsano. La epitemio (el la greka "epi-" inter, kaj "dĕmos" popolo) malsanigas fakte multajn individuojn samtempe kaj samloke, sed nur de tempo al tempo ĝi estas pandemio (el la greka "pan" ĉio, kaj "dĕmos" popolo), kaj ĝi gravege trafas preskaŭ la tutan popolon.

**Kelkfoje ne tute malagrabla vizitanto**

Ĝis antaŭnelonge, kiam la plimulto de la homoj vivis ankoraŭ laŭ naturaj ritmoj, simpla gripo povis esti ne tute malagrabla vizitanto. La infanoj restis hejme el la lernejo, varme zorgitaj de la gepatroj. La plenkreskuloj kaptis la okazon por resti hejme en lito; sen komputilo, ĵurnaloj kaj televidilo, oni aŭskultis muzikon, retrovis (telefone por eviti kontaĝon) malnovajn amikojn, ĝuis tiun allogan romanon kun bonaj sentoj kaj feliĉa fino, kiu de longa tempo atendis sur la apudlita komodeto.

Fakte, trankvila, varma, komforta, du/tritaga restado helpas la gripulon kuraci la korpon kaj la menson, kaj plirapide tute resaniĝi.

**Kio estas gripo?**

Gripo estas kontaĝa malsano, ofte epidemia, kaŭzita de ultraviruso, kaj ĝi inflamas la nazan kaj gorĝan mukozojn; kiam ĝi asociiĝas kun diversaj mikroboj, ĝi povas

trafi ankaŭ pliajn partojn de la aparatoj spira, digesta kaj nerva.

**Ĉu la malvarmo estas la vera kaŭzo de malvarmumo kaj de gripo?**

Dum unu el la lastaj militoj, Germanaj soldatoj estis elmetitaj al tre akra malvarmo; multaj el ili prezentis simptomojn de frosto, sed preskaŭ neniu de malvarmumo.

Kiam la temperaturo abrupte defalas, ĝi frapas samtempe ĉiujn loĝantojn en la sama loko. Se ĉiuj loĝantoj estas elmetitaj al samaj influoj, kaj la loka temperaturo estas sama al ĉiuj, kial kelkaj el ili malbone fartas pro malvarmumo aŭ gripo, kaj aliaj ne?

La kaŭzo de malvarmumo kaj gripo ofte estas manko de organisma infektodefendo. La manko de vivsubstancoj en la manĝkutimoj, kaj malĝustaj vivsituacioj plimalaltigas la defendoforton de la organismo, kiu iĝas mankhava de infektodefendo.

Tio klarigas kial de antikvaj tempoj ĝis hodiaŭ, malgraŭ la progresoj de la medicino, akurate, ĉiujare, malvarmumo kaj gripo ankoraŭ trafas milionojn da homoj en la tuta mondo.

**Simptomoj de malvarmumo kaj de gripo**

La simptomoj de la malvarmumo estas: seka, iritita gorĝo, ternoj kun sekva nazfluo, kongesto de la nazaj kavoj.

El la simptomoj de la gripo, kiuj ofte koncernas la tutan organismon, povas esti: ĝenerala malsaneto, senapetiteco, kapdoloro, tremoj, kiuj antaŭiras abruptan febron, artikaj doloroj, tuso, inflamo de la gorĝo, konjunktivito, prostracio, lacegeco en la membroj, kiu povas daŭri ankaŭ du aŭ tri semajnojn.

**La kontaĝo**

Gripo kontaĝas per senpera kontakto, manpremo, aŭ per la gutetoj el ternoj ĵetegitaj de la gripulo precipe dum la unuaj 24/48 horoj. La infektaj gutetoj povas atingi la distancon de 40/50 centimetroj.

Estas konsilinde pro tio al la gripulo resti hejme; kaj al la aliuloj, eviti kontakton; ofte kaj bone lavi siajn manojn; aerumi la ĉambrojn.

Sed antaŭ ĉio, estas prudente ke la gripulo restu hejme en lito almenaŭ 2 tagojn.

**Laŭnatura prizorgado**

Kiam malfeliĉe la gripo trafas, estas pli bone:

- sin deteni de nutraĵo almenaŭ dum unu tago kaj trinki nur akvon. Manĝado estas laboro por la organismo, kaj de tempo al tempo ankaŭ la digestaj organoj bezonas ripozon.
- Se oni ne deziras fasti, oni manĝu malmulte kaj malofte malpezajn manĝaĵojn, t.e. elpremaĵojn el fruktoj, kaĉojn el legomoj, kaj oni trinku akvon.

Dum la konvalesko, oni manĝu pli multe kaj pli ofte.

**Antaŭmalhelpo**

La defendofortoj de la organismo devas ĉiam esti sub kontrolo, por ke ili bone reagu kontraŭ virusoj kaj bakterioj.

Dum la varma sezono "reŝargu" viajn fortojn per higiena vivmaniero. Kiel eble pli longe vivu en pura, libera aero; piediru, ekzercu, naĝu, sunbanu (antaŭ la 11-a horo atm kaj post la 3-a ptm). Evitu trablovojn, kaj ne forgesu la proverbon: "aprila vetero, trompa aero".

# Reklamileto estas semeto

*La burĝono, universala simbolo de vegetarismo, kun la verda steleto, simbolo de Esperanto, kaj la vortoj "Vivu kaj lasu vivi" estas vivmesaĝo en Esperanto, kiun TEVA dissendas ankaŭ per la ĉi-flanka reklamileto. Algluu ĝin sur la leteroj al viaj korespondantoj. Petu la reklamiletojn de la Sekretariejo.*




*"Invito all'esperanto" (Invito al la Esperanto) estas 16 paĝa broŝuro en la itala lingvo kun informoj pri la E-movado; kelkaj frazoj en E-o (kun la prononco) rilatas al la pentraĵo sur la kovrilo; kaj ĝi estas utila propagandcele por tiuj, kiuj ne (ankoraŭ) konas nian lingvon, kaj nian movadon. Petu ekzempleron de la Sekretariejo. Se oni deziras traduki la broŝuron en la propran lingvon, bonvolu kontakti la Sekretariejon.*

*Ĉu vi havas belan, koncizan, praktikan E-informilon aŭ lernilon en via lingvo? Se jes, bv sendi ekzempleron al ni. Ni bezonas informiletojn kaj koncizajn lernilojn en pluraj lingvoj.*




*Ni ne havas tempon por legi. Sed multe da tempo ni perdas en aŭtobusoj, vagonaroj, barbirobutikoj aŭ frizosalonoj, kiun ni povas bone uzi legante E-gazetojn, romanojn, lernolibrojn. Homoj ĉe ni vidas la E-publikaĵojn, kaj per tio ni povas ektrovi samidean(in)on, aŭ varbi novajn Esperantist(in)ojn.*

*Per ĉiea kaj ĉiama uzado nia lingvo disvastiĝas; kiam ni ne uzas ĝin, ĝi ne progresas kaj restas muta.*

# *La leĝo de perforto kaj la leĝo de amo*

de Lev N. Tolstoj

*En 1908, du jaroj antaŭ sia forpaso, Lev N. Tolstoj verkis "Zakon nasilija i zakon liubvi" (La leĝo de perforto kaj la leĝo de amo), kiu estas lia lasta mesaĝo al la homaro tiutempa, kaj estas aktuala ankaŭ por la nuntempaj homoj. Jen kelkaj ekstraktoj el tiu ĉi verko:*

**Supozaj rajtoj**

La konscienco de la homo permesas al li ke li donu la propran vivon, sed neniam la vivon de aliulo. Same estas pri oponado al la socia malbono. Pro tio, al la demando: - Kion devas fari la homo, kiam li vidas malbonajn agadojn faritajn de unu aŭ pluraj homoj? - La respondo de la homo libera de la supoza kapablo antaŭvidi la estontecon de la aliuloj kaj perforte organizi ĝin, estas unu sola: - Agu kun aliaj, kiel vi deziras, ke oni agu kun vi -. - Sed li ŝtelas, rabas, mortigas; kontraŭe, mi ne ŝtelas, ne rabas, ne mortigas. Ke li plenumu la leĝon de la amo, kaj tiam ankaŭ mi plenumos ĝin -, diras kutime la homoj, en nia mondo, kaj ju pli oni havas gravan pozicion, des pli oni tiamaniere sin esprimas. - Mi ne ŝtelas, mi ne rabas, mi ne mortigas - diras la guberniestro, la ministro, la generalo, la juĝisto, la bienulo, la komercisto, la soldato, la policano.

La antaŭjuĝa, misdirekta rajto, kiu gvidas preskaŭ la tutan socian organizon, kaj kiu pravigas perforton ĉiuspecan kontraŭ la socio, *en nomo de ĝia supoza bono* tiel mallumigis la konscion de la homoj, ke ili ne plu vidas la senĉesajn

ŝtelojn kaj mortigadojn, fare de tiu supoza rajto, kiu postulas organizi la estontecon de la socio; la homoj vidas nur tiujn izolitajn perfortojn faritajn de individuaj mortigantoj, ŝtelistoj kaj rabistoj, kiuj ne pravigas sian perforton *en nomo de la bono.*

- Tiu estas ŝtelisto, rabisto, murdisto, li ne respektas la regulon: "ne respondu la malon per la malo, kaj agu kun aliaj, kiel vi deziras, ke oni agu kun vi". - Sed, kiu estas tiu, kiu tion diras? Ĝuste tiuj homoj, kiuj senĉese mortigas en militoj kaj devigas aliajn lerni mortigi; tiuj homoj, kiuj ŝtelas kaj disrabas la propran popolon kaj la aliajn.

- Kion ni devas fari, kiam sovaĝaj popoloj alvenos kaj ili ekposedos la fruktojn de nia laboro, niajn edzinojn, niajn filinojn? - diras la homoj, zorgante nur defendi anticipe sin mem kontraŭ tiuj samaj krimoj kaj sovaĝaj agadoj, kiujn ili, tion ne memorante, senĉese faras kontraŭ aliaj popoloj. Sufiĉas nur liberigi sin de la antaŭjuĝo, kiu rajtigas perforton, por resti konsternitaj je la vido de ĉiuj tiuj krimoj, kiujn la popoloj faras senĉese la unuj kontraŭ la aliaj, kaj resti konfuzitaj je la morala malspriteco de la popoloj. Ili samtempe parolas pri la danĝero de la perforto, kiu ilin minacas, kaj pri la neceso sin defendi kontraŭ tio. Sufiĉas ke la homo, ankaŭ nur en siaj pensoj, dum unu sola momento, liberigu sin de tiu terura antaŭjuĝa supozo ke li povas antaŭvidi la estontan ordon de la socio, pro kio tia perforto estas pravigata; kaj ke li observu serioze kaj sincere la vivon de la homoj; kaj estos klare al li ke: pravigi la bezonon de la opono al la malo per perforto, estas bezonata al la homoj nur por senkulpigi liajn karajn, kutimajn malvirtojn: venĝon, avarecon, envion, vantecon, amon al potenco, arogantecon, malkuraĝon, malbonecon.

**Trofarado kaj ne-farado**

Ĉiuj misokazoj de la homaro, laŭ la Ĉina filozofo *Lao Tze* (VI jarcento a.K.) ne devenas el la fakto ke la homoj ne faris tion, kio estis necesa, sed ĉar ili faras tion, kio necesa ne estas. Se la homoj praktikus tion, kion ili nomas "ne-farado", ili liberigus sin ne nur de siaj personaj malfeliĉoj, sed ankaŭ de tiuj, kiuj koncernas la agadon de la registaro; kaj precipe al tio lasta, *Lao Tze* rilatas.

La ideo de *Lao Tze* povas aperi stranga, tamen oni ne povas malkonsenti kun li, se oni rigardas la rezultojn de la nuntempa, hasta aktiveco de la plimulto el la homoj. - Laboru, laboru! - Ĉu labori? Al kiu celo? La produktistoj kaj la vendistoj de narkotaĵoj, de tabako, de alkoholaĵoj, la borsistoj, la inventistoj kaj la fabrikantoj de mortigiloj, ĉiuj soldatoj laboras, tamen estas evidente ke la homaro multon gajnus se tiuj laboristoj tute ĉesigus labori.

Ofte la homoj, fieraj pri sia laboro, taksas siajn meritojn kaj malŝatas la aliajn; ili estas for de la bono kaj de la vero; ili estas ĉiam tiom okupitaj, ke ili havas tempon nek por fari la bonon, nek por demandi sin mem ĉu tio, kion ili faras kaŭzas malutilon.

La laboro ne estas virto. La laboro estas kiel nutrado. La homoj, kiel ĉiuj aliaj animaloj, sin nutras, kaj por tio ili laboras laŭ siaj ebloj kaj necesoj. Ne estas virto en tio. En nia malorganizata societo, la laboro estas plejofte morala anestezo, same kiel tabako kaj vino, kaj aliaj rimedoj, kiujn la homoj uzas por senigi la sentokapablon, kaj ne vidi la misordon kaj la senenhavon en la propra vivmaniero.

Ju pli la homo kredos, ke li povas esti kondukita malgraŭ la propra volo al bonfara vivŝanĝo de ekstera forto, kiu agas per si mem - religio aŭ scienco -; kaj por ke tio efektiviĝu, li devas nur labori laŭ starigita ordo, des pli

malfacile ŝanĝo vere efektiviĝos.

Kontraŭe, ju pli la homo kredos ke dependas de li ŝanĝi siajn interrilatojn; ke li povas fari tion, kiam tion li mem decidos; kaj li amos la aliajn anstataŭ batali kontraŭ ili kiel li faras nun, des pli la ŝanĝo iĝos ebla.

Ju pli la homo ne plu rezistos kaj cedos al tiu ideo, des pli li emos realigi ĝin.

Se la amo al proksimulo estas ebla, kaj ĝi estas parto de la homa naturo, kial miloj da jaroj pasis kaj la homoj, kiuj konis tiun rimedon por iĝi feliĉaj, ne realigis ĝin?

Kia estas la kialo, kiu preventas la malkaŝon de tiu sento de amo, kiu estas tiel natura kaj bonfara por la homaro?

Evidente estas, ke ne sufiĉas diri: amu unu la alian. Tio estas dirita kaj redirita, sed la homoj, anstataŭ ami unu la alian kiel estas predikate dum miloj da jaroj el ĉiuj katedroj religiaj kaj ne religiaj, daŭrigas ekstermi unu la alian senĉese.

Se la homoj, anstataŭ batali unu kontraŭ la alia, ĉiuj celante sian propran bonstaton, aŭ tiun de la propra familio aŭ tiun de la propra lando, helpus unu la alian; se almenaŭ ili ne farus al la aliaj tion, kion ili ne deziras ke la aliaj faru al ili: la kvanto de tiu persona feliĉo, kiun ĉiuj celas, estus pli granda; kaj la homa vivo ĝenerale estus pli akceptebla kaj feliĉa, anstataŭ estis tiu, kiu ĝi estas: tutaĵo de kontraŭdiroj kaj suferoj.

Se la homoj daŭrigos elŝiri unu de la alia la posedon de la lando, kaj de la produktoj de la propra laboro, la depostuloj de tiuj, kiuj estis senigitaj de siaj rajtoj, reprenos kun venĝo kaj perforto tion, kion al ili estis deprenita.

Neniu dubas ke la individua reciproka armado de la nacioj kaŭzos terurajn masakrojn, dekadencon kaj ruiniĝon de la popoloj encirkligitaj en tiuj reciprokaj armadoj.

Neniu dubas ke se tiu ĉi agado daŭros, ni alvenos al ĝenerala katastrofo.

Sendube estas motivo pli forta, kiu preventas la homojn fari tion, kio alportus utilon al ili; kio savus ilin el la danĝeroj, kiuj ilin minacas, kaj konsentus ke ili faru tion, kion la konscienco al ili diktas.

Ĉu la amo do en la praktika, reala vivo estas ĥimero?

Kial dum miloj da jaroj la homo lasas sin trompi de ne realigebla revo? Estas tempo por kompreni ĝin.

Sed la homoj ne kapablas decidiĝi ĉu sekvi en sia vivo la leĝon de la amo aŭ forlasi tiun ideon: ili estas tro okupataj; ili ĉiuj laboras por plenumi taskojn de tempo komencitaj, kiuj ne povas esti forlasataj; ili ne ka-pablas sin haltigi por reeniri en sin mem, pripensi pri tio, kio ili estas kaj pri tio, kion ili devus fari.

La nuntempaj homoj similas al personoj, kiuj por deloki objekton, kiu malutilas lian vivon, puŝas ĝin en ĉiujn direktojn, sen akordiĝi pri la direkto, kien puŝi ĝin.

Se oni petus al mi doni unu solan konsilon al la nuntempaj homoj, mi dirus al ili nur: - Haltu! Haltu unu momenton, ĉesu labori, pripensu pri kio vi estas, pripensu pri kio vi devus esti, celu unu idealon! -

---

*S-anino Chamberline NGUEFACK ZEDONG loĝas en Kamerunio, Afriko. Ŝi estas vegetaranino, kaj ŝi zorgas pri kuracado per naturaj metodoj. Ŝi deziras korespondi kun aliaj vegetaranaj Membroj de TEVA, cele interŝanĝi ideojn pri vivmaniero, nutrado, receptoj, kuracado laŭ la leĝoj de la Naturo, ktp. La adreso de s-anino Chamberline NGUEFACK ZEDONG estas: B.P. 7407 - CM - DOUALA, Cameroun -. Tel. (237)340-80-91. Tel/Fakso (237) 343-34-56.*

# *Kiel instrui Esperanton?*

**de prof-ino Filomena Canzano**

Entuziasmaj samideanoj asertas ke Esperanto estas tre facila lingvo. Sed ĉu ĝi vere estas tiom facila?

Lazaro Ludoviko Zamenhof, por ke nia lingvo estu alirebla al ĉiuj, penis igi ĝin simpla, kaj fakte simpla ĝi estas en sia genia strukturo. Tamen ekzistas subtila, praktika diferenco inter la adjektivoj simpla kaj facila. Simpla signifas nekomplikita, kaj facila signifas senpene atingebla.

La aŭtoro de Esperanto, L. L. Zamenhof, faris eksterordinaran laboron, kaj li donis al ni la eblecon lerni, instrui kaj uzi tiun mirindan, unikan, internacian rimedon. Sed, ĉu ni bone lernas la lingvon? Ĉu ni uzas ĝin? Ĉu la instruadon estas facila?

Baza elemento por fruktodona lernado en ĉiuj instruaj kampoj estas intereso, kaj tio estas nepre plej grava por rapide kaj profite mastri nian lingvon.

La motoro por ĉiu agado estas celo.

Efika impulso por la lernado de nia lingvo estas la emo komuniki kun homoj el malsimilaj kulturoj per neŭtrala ilo, kiu apartenas al ĉiuj kaj al neniu, kiu igas la homon senti sin nek supera nek malsupera al alia.

Kio okazas do, kiam en la komenco de kurso multaj scivolemuloj sin prezentas, kaj en la fino de la kurso restas nur du aŭ tri el ili?

Estas fakto ke precipe en grandaj urboj la malproksimeco kaj la sekvaj delokaj malfacilaĵoj, krom pli kaj pli ĥaosa vivmaniero, malkuraĝigas renkontiĝojn. Sed, ĉu la

respondeco por la forlaso de la kursanoj ne estas ankaŭ kelkfoje de la instruisto?

Instruisto ne povas improvizi sin. Ne sufiĉas scii tre bone la lingvon kaj paroli ĝin flue, senerare, por ke oni povosciu instrui ĝin senprepare. Instrukapablo ne estas nur talento donacita de la naturo, ĝi estas ankaŭ frukto de laboro.

Okazas kelkfoje ke homoj sen profesiaj diplomoj, kaj en la komenco kun modesta scio de la lingvo, transdonas al la aliaj tion, kion ili diligente lernis, kaj instruante, ili mem pli kaj pli lernas.

Aliaj homoj, kvankam sindonemaj kaj afable disponeblaj ankaŭ pri interpersonaj rilatoj, fiaskas, kiam ili penas instrui, ĉar ili ne praktikas tion, kion ili daŭre priparoladas dum samideanaj renkontiĝoj.

Plej ofte kleraj kaj inteligentaj samideanoj, kiuj tre flue verkas kaj parolas la lingvon, vidas la nombron de siaj kursanoj pli kaj pli malgrandiĝi, ĝis tuta malapero de la kursoj mem. Kial? Ĉar iliaj lecionoj, kiuj estas perfektaj en ĉiuj lingvaj rilatoj, aliflanke estas seninteresaj kaj ili tedas la lernantojn.

Kiel instrui do, nian lingvon?

Pri la metodo, laŭ mia opinio, la plej bona estas tiu de Andreo Ĉe. Oni diras ke L. L. Zamenhof iniciatis la lingvon, Andreo Ĉe la metodon instrui ĝin.

Andreo Ĉe (*Andreas Cseh*) naskiĝis en la iama Hungara urbo *Marosludas* (1895-1979). Legante anoncon en gazeto, li entuziasmiĝis pri la ideo, tuj lernis la lingvon, kaj komencis propagandi ĝin. Li baldaŭ komprenis ke la esenca ilo por la disvastigo de la lingvo estas instruado. Tiutempe, dum la unua mondmilito, pro manko de libroj, li uzis la "patrinan metodon" por instrui, kiu estas bazita sur rekta metodo. Per tiu metodo li gvidis multajn kursojn en diversaj landoj kaj li varbis milojn da novaj aliĝintoj al la

E-movado. Li redaktis kaj eldonis la internacian revuon LA PRAKTIKO por komencantoj kaj progresantoj, kun facila kaj altnivela uzo de la lingvo.

Parenteze, ne ĉiuj scias, precipe nuntempe kiam oni multe parolas pri la eŭro, la nova eŭropa monunuo kiel novaĵo, ke je iniciato de Andreo Ĉe, en 1942 estis fondita la UNIVERSALA LIGO kun propra Esperanta monunuo t.e. la Stelo, oficiale akceptita de bankoj kun universala funkcio.

Jen kelkaj sugestoj laŭ la Ĉe-metodo:

- transformu, ŝanĝu la materialon laŭ la bezonoj;
- preparu vin bone al ĉiu leciono, por ke vi estru la materialon kaj la lernantaron;
- ne donu tro grandan materialon en unu leciono, ĉar la cerbo bezonas tempon por digesti, same kiel la stomako;
- la kursejo estu kiel eble plej komforta kaj agrabla, kun oportunaj sidlokoj, bona lumo kaj hejto, por ke malkomfortaĵo ne ĝenu la atenton;
- komencu ĉiun lecionon per kelkaj demandoj, kiu ripetas la materialon de la lasta leciono: ripetado estas patrino de lernado;
- koloran skribilon uzu por atentigi pri novaj gramatikaĵoj (akuzativo, verbtempoj, sufiksoj, adverboj);
- vivigu vian laboron kun amo al Esperanto kaj al viaj lernantoj. Tiam vi sukcesos kaj la konsiloj estos superfluaj.

Laŭ mia opinio, efikas ankaŭ aktori kiel eble plej kaj uzi la nacian lingvon kiel eble malplej; mimi, montri objektojn; konstante intervenigi gelernantojn (ankaŭ inter ili, pri praktikaj, ĉiutagaj temoj) per demandoj kaj ŝercaj provokoj. La gelernantoj amuziĝas tiamaniere, la tempo flugas, kaj oni devas eĉ plidaŭrigi la lecionon.

*Sukcesaj iniciatoj*

# Esperanto en tutmonda televido

*Karol Wojtyla estas la aktuala suvereno de la Urbo de la Vatikano, kiu estas sendependa ŝtato, de la jaro 1929; li estas la estro de la Katolika Eklezio, kaj la episkopo de Romo, Italio.*

*La Vatikana Ŝtato enhavas ĉ. 1500 enloĝantojn, kaj en la surfaco de 0,440 kvadratkilometroj, ĝi enhavas la bazilikon de Sankta Petro, palacojn, ĝardenojn, kaj la placon Sankta Petro.*

*El la placo Sankta Petro, okaze de Kristnasko kaj de Pasko, la Papo sendas bondezirojn en pluraj lingvoj, inkluzive de Esperanto. Ĉiuj koncernaj lingvoparolantoj, kiuj ĉeestas en la placo, ekrespondas al la bondeziroj per forta voĉo en la propra lingvo.*

*Neniu esperantisto ĝis nun respondis al la bondeziroj en Esperanto, escepte de modesta provo la pasintan Kristnaskon.*

*Samideano Ĝianni Conti (pr. Konti) decidis ĉi-jare je Pasko iri al la placo Sankta Petro, kunporti panelon kun la vorto "Esperanto", kaj respondi al la bondeziroj de la Papo en nia lingvo.*

*- Jes - diris samideano Eljo - sed la panelo ne estas videbla de ĉiuj. Ni partigu la literojn de la vorto "ESPERANTO", kaj naŭ samideanoj en la placo levu ilin alten per stangetoj, tial ke ĉiuj vidas ilin. -*

*Dirite, farite. Mariolino, la edzino de Ĝianni, kudris grandajn verdajn literojn sur blankajn pecojn de tolo. Je Pasko, la 31-an de marto 2002, naŭ samideanoj levis la literojn en la placo plenplena de homoj. La televido bone ilin enkadrigis, kaj ankaŭ per la grandaj televidekranoj, kiuj estis en la placo, ĉiuj klare vidis la Esperantan surskribon.*

*Pluraj interesatoj petis kaj ricevis informojn pri nia lingvo dum la tuta mateno, kaj kiam la Papo je tagmezo elsendis la bondezirojn en Esperanto, la samideanoj eklevis pli alten la literojn, kaj ekrespondis per forta, ĝoja voĉo.*

*Danke al la iniciato de 3 personoj, Ĝianni, Mariolino kaj Eljo Bonomolo, pli ol 50.000 personoj en la placo Sankta Petro, kaj milionoj kaj milionoj da televidantoj en tutmonda televido, inter 62 aliaj lingvoj, aŭdis la voĉon kaj vidis la nomon ankaŭ de nia lingvo. Krome la ĵurnaloj, per la agentejo "Associates Press", montris al la tuta mondo la placon Sankta Petro kun amaso da homoj, kaj la grandan surskribon ESPERANTO!*

# La Lingvo *Walla*

## en la jaro 2500

**En la kaĝo de la leonoj**

Kiam *Erik Jan Hanussen* estis juna, li tre amis viziti cirkon. Iun tagon la dresisto de la cirko malsaniĝis, kaj la cirkestro petis al *Erik*, kvazaŭ ŝerce, ĉu li kapablus anstataŭi la dresiston kaj eniri en la kaĝon de la leonoj. Entuziasme kaj spite li akceptis la defion. La cirkestro atentigis lin pri la jako de la dresisto, kiun li devis surmeti, ĉar la leonoj ĝin flaras, rekonas kaj akceptas; sed la junulo eraris kaj li surmetis alian jakon. Kiam li eniris en la kaĝon, la leonoj tuj retroiris hipnotizataj kaj ili obeis la junulon sen problemoj. En tiu momento, *Erik* konstatis fakte ke li estis hipnotisto. De tiam li prezentis sin je publikaj spektakloj kaj iĝis fama. Dum unu el tiuj prezentaĵoj, li hipnoze konvinkis ĉiujn ĉeestantojn ke forta vento blovadas en la salono, kaj la viroj tuj komencis postkuri siajn forflugantajn ĉapelojn, kaj la virinoj per unu mano premadis sur la kapo sian kapveston kaj per la alia la jupojn.

*Erik* poste disvolvis antaŭvidajn kapablojn. En tiu vasta, mistera kampo ekzistas ankaŭ amaso da sorĉistoj kaj sorĉistinoj, kiuj trompas simplanimajn, kredemajn naivulojn. *Erik* ne estis fripono, li estis honesta homo kun eksterordinaraj, supernaturaj dotoj, kaj pro tio li estis de multaj homoj enviata.

**La Proceso de Leitmeritz**

En Februaro 1928 *Erik* estis denunciita pri trompo, kaj en 1929 komenciĝis la proceso en *Leitmeritz*, Germanio.

Sciencistoj asertas ke se fenomeno ne povas esti ripetita, ĝi ne estas scienca.

Multaj homoj, kiuj estis helpitaj, konsilitaj kaj resanigitaj de *Erik*, spontanee sin prezentis al la proceso por atesti favore al li. Dum la lasta fazo de la proceso (22-27 Majo 1930) la Kortumo, ne sciante kiamaniere solvi la aferon, petis al *Erik* ripeti kelkajn el liaj eksperimentoj en la Tribunalo sub severa kontrolo de garantiantoj, t.e.: trovi objektojn kaŝitajn de la garantianto; priskribon de la personoj, kiuj manskribis kelkajn liniojn sur nigra tabulo, kun detaloj pri iliaj personaj travivaĵoj; respondi al demandoj skribitaj sur folietoj; klarvidadon pri objektoj. Ĉiuj eksperimentoj ricevis plenan sukceson. *Erik Jan Hanussen* (kies vera familia nomo estas *Steinschneider*) estis absolvita. La Kortumo deklaris lin senkulpa ĉar "la kulpigito havas misterajn, psikajn kapablojn, kies efikojn pluraj atestantoj konfirmas". La Proceso de *Leitmeritz* iĝis internacia evento, ĉar je la unua fojo en la historio de la germana jurisdikcio, ekstersensaj dotoj de homo estis agnoskitaj de Tribunalo.

**Danĝeraj dotoj**

Klarvidantoj pensas ke la estonteco de la homo estas skribita en lia destino, tamen ke la homo povas modifi ĝin. Pro tio, kiam Adolfo Hitlero petis antaŭvidon pri la propra politiko, kaj *Erik* vidis detale ĝian danĝeron kun ĉiuj sekvoj, li parolis klare al Hitlero. Li pensis ke Hitlero povus preventi la katastrofon per strategiaj, politikaj ŝanĝoj, sed vane. Tio kostis al *Erik* la vivon, kaj tion li ankaŭ antaŭvidis. Fakte, dum vizito al sia filino *Erika*, li parolis al ŝi pri sia vivdanĝero.

*Erik Jan Hanussen* estis 44 jaraĝa, kiam li estis mortigita.

**La manuskripto**

En 1955 *Elizabeth Heine,* kiu estis la lasta sekretariino de *Erik Jan Hanussen,* vizitis lian filinon *Erika* en Merano, Italio, kaj ŝi kunportis al *Erika* kelkajn propraĵojn de la patro kaj unu manuskripton. *Erika* metis la manuskripton en tirkeston kaj lasis ĝin tie dum pluraj jaroj. Fine, ŝi donis permeson eldoni ĝin en la germana lingvo sub la titolo "*Der Undergang von New York" (Smarrag Verlag, Köln)* kaj en la itala sub la titolo "*La Fine di New York*" (La Fino de Nov-Jorko) ĉe *Edizioni Mediterranee, Roma,* en la jaro 1989.

**Historio de la manuskripto**

En 1931 *Erik* submetis sin al hipnotiga eksperimento sub la kontrolo de kuracisto, je la ĉeesto de pluraj homoj. Post kiam la kuracisto d-ro *Thoma* hipnotizis lin, li petis al *Erik* ilustri situacion, kiu estis priskribita sur folio dum foresto de *Erik,* kaj fermita en koverto. Sur la folio en la koverto estis skribita: "Priskribu vojaĝon de la centro de Berlino al la urbocentro de Nov-Jorko en la jaro 2500". Al tiu peto, *Erik* surpriziĝis. "Mi ne povas, ĉar la Centro de Nov--Jorko en la jaro 2500 ne ekzistas. Estas nur akvo" respondis *Erik.* Li klarigis poste ke la centro de la urbo de longa tempo estis detruita de tute partikulara, siaspeca katastrofo. Tio multe interesis la ĉeestantojn, kaj d-ro *Thoma* petis al *Erik* ilustri la detruon de la urbocentro de Nov-Jorko. Sub la kontrolo de d-ro *Thoma* kaj de spertuloj, dum sep renkontiĝoj, *Erik* priskribis la tuton, kiu estis registrita per diktafono kaj sekve manskribita. Naskiĝis tiele la unua perhipnota "romano" (La fino de Nov-Jorko).

**La lingvo walla**

Dum la renkontiĝoj (entute 7 horoj), kiam *Erik* priskribadis la detruon de la centro de Nov-Jorko en la

jaro 2320, de tempo al tempo, li ekparoladis lingvon, kiu nuntempe ne estas ankoraŭ konata, kaj kiun li nomadis *walla*, la universala lingvo. Laŭ *Erik*, tiun lingvon, la registaroj en la tuta mondo kaj ĉiuj civitanoj uzis okaze de komunaj, gravaj okazintaĵoj. *Walla* similas al Esperanto per la vorteto "ek", kvankam en *walla* tio signifas jesan respondon al demando. En aliaj esprimoj, kiuj aperas en la "romano" de *Hanussen, walla* ne similas al nia lingvo, kiel ekzemple:

- *monda bank* = bonan nokton
- *ada* = mi fermas (la konversacion)
- *jakinda walaika!* = anonco al la tuta mondo!

**Unu sola homo**

Laŭ la rakonto de *Erik Jan Hanussen*, la urbocentro de Nov-Jorko ŝajnis tiutempe neatakebla pro siaj eksterordinaraj teknologiaj defendoj kaj perfektaj ĉiofaraj robotoj; tamen unu sola homo detruis ĝin.

Unu universala lingvo estis uzata por komuniki okaze de mondaj, gravaj eventoj, kaj la homo atingis siajn celojn per nekredeble rapidaj teknologiaj etapoj. La teknologia homo, post kiam li detruis sian propran homecon, iom post iom iĝis perfekta homa roboto sen sentoj; kaj li vivas per tiu energio, kiun la teknologio donas al li. Ankaŭ la nova lingvo walla, sen homama interna spirito, - kiun nia lingvo havas kaj tio ne estas legendo -, parolas nur robote al robotitaj homoj sen volo, konscienco kaj etiko.

**Ĉu estas ankoraŭ tempo por ŝanĝi?**

La homo ricevas nuntempe avertojn el pluregaj, ankaŭ akraj eventoj, ke la tempo alvenis por ŝanĝi, ĉar tiu sensenca irado de la homo povus konduki al la fino de la tuta homaro.

Ĉu estas ankoraŭ tempo por ŝanĝi?

*Fama estas la Helena filozofo Sokrato (470-399 a.K.), kiu vivis en la antikva Ateno, kaj fama estas ankaŭ lia edzino Ksantipo, sed pro malsimilaj kialoj. Fakte Ksantipo estas tre konata pro sia ĉiama malkontenteco, kaj pro sia daŭra grumblado, kiu iĝis Sokrato ne ĉiam feliĉa.*

# KSANTIPO KAJ SOKRATO

Scenejo: (En la jaro 399 a.K.) Ĉambro en la domo de Sokrato. Ksantipo sidas ĉetable. Sur la tablo estas neapetitoveka manĝo, kiu konsistas el figoj, petroselo kaj iom da kapra viando-haketaĵo.

Envenas Sokrato

Ksantipo: Vi estas malfrua!

Sokrato: Pardonu. Oni retenis min.

Ksantipo: Mi supozas, ke vi malŝparis la tempon, kiel kutime, kaj ĝenis per demandoj homojn, kiuj povus pli saĝe okupi sian tempon. Vi ne scias la eraron, kiun vi faras. Ne plaĉas al homoj, kiel vi ĉiam okupiĝas pri demandoj. Se homoj ĝuus tion, aŭ admirus ĝin, mi povus kompreni la malŝparon de tempo, sed ili ne ŝatas ĝin. Tiu nur kolerigas ilin. Ĉiuj tion diras.

Sokrato: Kiuj estas "ĉiuj"?

Ksantipo: Jen denove viaj demandoj! Bonvolu ne provi kapti min per tiaj friponaĵoj. Mi ne estas filozofo. Mi ne estas sofisto. Mi scias, ke mi ne estas lerta. Mi estas nur virino. Sed mi ja scias la diferencon inter ĝusteco kaj malĝusteco kaj nigra kaj blanka, kaj mi opinias, ke estas malafable - kaj ankaŭ senkonsidere - ke vi konstante atentigas pri mia nescio; kaj, ke mi estas senĉese la celo de via sarkasmo.

Sokrato: Sed mi ne diris eĉ unu vorton.

Ksantipo: Ho, bonvolu ne elturniĝu. Ni ĉiuj scias, ke vi havas talenton por tio. Mi tre malamas tian evitadon. Mi ja ŝatas fidindan viron, kiu, kiam li diras "jes" volas diri "jes", kaj, kiam li diras "ne" celas "ne".

Sokrato: Mi bedaŭras, ke mi parolis.

Ksantipo: Mi supozas, ke tio estas ironio. Mi ne dubas, ke ĝi estas lerta, sed por mi, ĝi estas temporaba. Bonvolu reteni tiajn dirojn por la vendoplaco kaj la gimnastikejo kaj la metiejoj. Mi ne dubas, ke la junuloj tie alte taksus ilin. Tiuj faras nenion krom admiri unu la alian. Mi bedaŭras, ke mi estas malmoda. Oni edukis min kredi, ke viro traktus sian edzinon per deca ĝentileco, kaj provus, eĉ se li opinius ŝin stulta, ne ĉiam montri ĝin.

Sokrato: Ĉu iam mi sugestis, eĉ per vorteto aŭ indiketo, ke vi estas stulta?

Ksantipo: (ignoras lin) Donu al mi vian teleron. Mi servos al vi iom da kapro.

Sokrato: Dankon. Ne por mi hodiaŭ.

Ksantipo: Kial ne? Mi supozas, ke ĝi ne estas sufice bona. Mi bedaŭras, ke mi ne povas provizi la nutraĵon, kiun vi ricevas ĉe la domoj de viaj grandiozaj amikoj, sed mi opinias, ke estas kruele, rikani pri miaj kompatindaj humilaj penoj.

Sokrato: Mi ĵuras al vi, Ksantipo, ke mi tute ne rikanis pri vi. Mi ne estas malsata. Mi vere ne havas apetiton por viando hodiaŭ. Mi prenos iom da figoj, se plaĉas al vi.

Ksantipo: Nova kaprico, ĉu? - Senviandmanĝado -! Mi cer-

tigas al vi, ke homoj sufiĉe parolas pri vi; ne fariĝu eĉ pli stranga. Nur hieraŭ, Krusila parolis pri viaj vestoj. Ŝi demandis al mi ĉu vi intence malpurigas ilin. Ŝi diris, ke la makuloj ne aperis per akcidento. Ĉiuj rimarkas la saman aferon. Kompreneble ili kulpigas min. Sendube tio amuzas homojn, kiuj ŝatas atentigi pri si mem kaj amas malpuraĵojn; sed tio estas malagrable por mi. Kaj, kiam mi aŭdas homojn dirantajn "Kompatinda Sokrato! Domaĝe, lia edzino ne dece prizorgas lin kaj eĉ ne riparas liajn sandalojn", mi sentas min ofendita. Tamen, vi neniam pensas pri mi. Filozofo ne havas tempon por pensi pri aliaj homoj.

(Sokrato silentas, kaj manĝas figon post figo)

Ksantipo: Vi almenaŭ povus respondi kiam mi parolas al vi. Kompreneble, mi ne atendas, ke vi zorge aŭ respekte traktu min. Sed mi ja atendas ordinaran ĝentilecon.

(Sokrato daŭrigas silente manĝi figojn)

Ksantipo: Ho, nun mi konstatas, ke vi paŭtas. Unue vi minacas; poste vi estas satira. Kaj pli poste, vi rikanas pri la nutraĵo. Kaj nun vi fariĝis malafabla.

Sokrato: Mi diris eĉ ne unu vorton kontraŭ la nutraĵo.

Ksantipo: Vi neniam diris unu vorton kontraŭ la nutraĵo; vi nur atendigis min longe kiel kutime por la tagmanĝo; tio devus ne surprizi min; kaj vi nur rifuzis rigardi la pladon, kiun mi mem klopodis kuiri per miaj propraj manoj.

Sokrato: Mi nur diris, ke mi ne malsatas, ke mi ne havas apetiton por viando.

Ksantipo: Vi jam manĝis ĉiujn figojn. Vi ja havas grandan apetiton por figoj.

Sokrato: Tute malsame.

Ksantipo: Ho, malsame, ĉu? Oni povas esti sufiĉe malsata por manĝi la tutajn fruktojn en la domo, kiujn mi aparte konservis por la vespero, sed ne sufiĉe malsata por tuŝi pecon da viando!

Sokrato: Vi scias, ke mi tre malofte manĝas viandon.

Ksantipo: Ĉu vere? Mi ne antaŭe rimarkis tion. Mi ĉiam aŭdas pri via viandmanĝado en la domoj de aliaj homoj. Sed mia humila kuirado ne estas sufiĉe bona por vi. Mi bedaŭras, ke mi ne povas elporti la koston de tiuj spicaj pladoj. Se mi havus edzon, kiu praktikus realan profesion, kaj laborus, kaj farus ion utilan por gajni la vivpanon kaj por subteni la hejmon, estus malsame; sed almenaŭ vi ne devus rikani pri iu, kiu penas fari sian plej bonan.

Sokrato: Mi tre malofte nun manĝas viandon ie ajn.

Ksantipo: Jen la kialo, ke vi tiel aspektas! Ĉiuj kuracistoj diras, ke estas eraro. Iuj homoj povas bone farti sen viando. Ili ne bezonas ĝin; sed viro, kiu laboras per sia cerbo, kiel vi, devus manĝi bonan nutraĵon. Vi devus devigi vin manĝi viandon, eĉ se vi ne sentas inklinon por fari tion.

Sokrato: Sed vi ĵus diris, ke mi nenion faras.

Ksantipo: Jen denove - vi kontraŭekzamenas min kvazaŭ juristo, kaj provas stumbligi min. Mi ne dubas, ke estas amuze por profesia filozofo kapti kompatindan malkleran virinon. Domaĝe, ke via aŭdantaro ne estas ĉi tie. Ili ĝin ĝuus. Tamen, vi ne impresas min. Vi povas tordi miajn vortojn;

vi povas pruvi, ke mi volis diri nigran, kiam mi diris blankan. Sed vi ja scias, kion mi volas diri. Vi scias, ke via strangeco kaŭzis vian nepopularecon. Nun, formetu tian sensencaĵon, kaj havu iom da kapro.

Sokrato: Dankon, ne. Mi vere ne povas.

Ksantipo: Estas bonega kapro, kaj en la saŭco estas iom da ajlo. Mi malamas ajlon, kaj ĝi estas tie intence por vi.

Sokrato: Ho!

Ksantipo: Donu al mi vian teleron.

Sokrato: Mi vere preferas, ke ne.

Ksantipo: Estus bonefike por vi.

Sokrato: Sed mi sufiĉe manĝis.

Ksantipo: Mi supozas, ke vi tagmanĝis antaŭ ol vi venis ĉi-tien, aŭ, ke vi poste tagmanĝos ie ajn.

Sokrato: Mi tute ne manĝis de post kiam mi foriris el la domo.

Ksantipo: Do, estas tute ridinde, ke vi ne manĝas. Mi tuj donu al vi iom da kapro.

Sokrato: Vere, mi ne povas. Plue, mi devas baldaŭ foriri.

Ksantipo: Jen! Mi sciis! Vi foriros por manĝi.

Sokrato: Vi eraras, Ksantipo.

Ksantipo: Tuj diru al mi la veron. Mi nepre eltrovos ĝin pli malpli baldaŭ. Estas stulte mensogi kaj poste esti malkaŝita. Vi ne povas pensi kiel virino malestimas viron pro tio.

Sokrato: Mi ĵuras al vi per ĉiuj dioj, ke mi ne manĝos aliloke.

Ksantipo: Vi ne atendas, ke mi enfalu en tiun kaptilon! Ĵuri per ĉiuj dioj! Ĉiuj en Ateno scias, ke vi estas ateisto, kaj ĉiam vi mokas la diojn. Kaj, pli

malbone, vi devigas ankaŭ aliajn moki ilin. Mi preskaŭ ne aŭdacas dungi sklavon en la domo pro via malpieco.

Sokrato: Mi vere opinias, ke vi estas iom maljusta, Ksantipo. Iam vi iom bedaŭros pri tio.

Ksantipo: Do, ĉu mi rajtas demandi kien vi iros?

Sokrato: Mi havas gravan rendevuon.

Ksantipo: Kaj kun kiu?

Sokrato: Prefere mi ne diru - por vi.

Ksantipo: Estas tre ruza kaj inĝenia diri "por vi". Sed mi estas laca pro via tiranado, kaj mi postulas, ke vi traktu min ĉi-foje kiel homon, kaj per la minimumo da ĝentileco kaj malkaŝeco. Mi ne petas vian konfidon, sed mi atendas iomete da lojaleco kaj honesteco. Mi insistas pri tio. Mi toleris viajn rikanojn, vian sarkasmon, vian malafablecon. Sed mi ne plu elportos tion.

Sokrato: Bone. Se vi ja devas scii: Lajkon, Meletus kaj Anitus akuzis min pri ridinda afero. Tamen la rezulto povus esti ekstreme danĝera - efektive, eble afero de vivo aŭ morto - kaj mi devas tuj prezentiĝi antaŭ ili.

Ksantipo: Ho ve! Ho ve! Mi ĉiam tion diris. Mi sciis, ke tio okazos! Jen la rezulto de via - senviandmanĝado! -

(Ksantipo ekemocias ĝislarme)

Kurteno

*El "Kvin Etaj Humuraj Dramoj" de Maurice Baring kaj Arthur Hopkins, kiujn tradukis el la angla kun la helpo de Katelina Halo kaj eldonis W.H. Simcock, Clayton House, - GB - Butterton, Leek, Staffs, ST13 7SR, Great Britain, por "The Norwich Jubilee Esperanto Foundation (NoJEF)".*

# Vegetarano en Tajvano

S-ano Zhong Qiyao, redaktisto-ĉefo de "Tajvana Esperantisto", donas al ni informojn pri la vegetarismo en Tajvano (Taiwan), kiujn ni resumas ĉi-sube:

*Vegetarismo estas bona por la sano, la spirito, kaj la naturmedio. Viando el bestoj, inkluzive el birdoj kaj fiŝoj, simple dirite, ne estas necesa. Kaj tiu ĉi vivmaniero trovas pli facilan vojon ankaŭ al la spirita mondo.*

*En lernolibro de bazlernejo en Tajvano, oni montras kalkulon pri la naturmedio: el sama grando da tero, oni povas ricevi pli multajn legomojn ol viando.*

*La malsanoj de porkoj (ekz. Tajvano), kokoj (Hongkongo), bovoj (Britio, Japanio), fiŝoj (Tajvano), ktp., klare indikas, ke animaloj ne estas por manĝo. Cetere, la bredado de viandporkoj en Tajvano malpurigas la riverojn; kaj la socio pro tiu bredado ne gajnas, sed malgajnas monon. Do, vegetarismo estas avantaĝa; ĝi agordas kun la leĝoj, kiuj respektas la Naturon kaj tiu, kiu rigardas la naturleĝojn kaj la medion kiel valorajn, devus esti vegetarano.*

*En la Ĉina lingvo, la vorto por vegetarismo estas "sushi" kaj ĝia signifo estas "simpla manĝaĵo". En Tajvano ĉirkaŭ 5 elcentoj el la loĝantoj sin nutras ĉiam senviande.*

*La plej vasta vegetarana kutimo estas la Budhisma. Oni manĝas vegetalojn, sed ne manĝas iujn spicojn, kiuj forte odoras kaj stimulas la korpon (ekz. ajlo). En Budhismaj sutroj, Budho diras, kial oni ne devus manĝi viandon kaj tiujn spicojn.*

*En Tajvano, pli kaj pli multe da homoj manĝas nun vegetare, kaj ne ĉiam nur por sano. En preskaŭ ĉiu urbo aŭ eĉ kvartalo ekzistas vegetarana restoracio aŭ restoracieto. Restoracietoj liveras ankaŭ manĝoskatoletojn - ekzemple al kompanioj por tagmanĝo -. Do vegetaranoj en Tajvano preskaŭ ĉiam kaj ĉie povas trovi tre bongustajn vegetarajn manĝaĵojn.*

*Bonvenojn al Tajvano!*



# D-ro Tadros Megalli

*Antaŭ 90 jaroj, la 28-an de Aprilo 1912 en Fajum (Fayoum), Egiptio, naskiĝis Tadros Megalli. Li ne plu estas kun ni, kaj ni deziras memori rimarkindan samideanon, kiu donis prestiĝon al nia esperantista-vegetarana movado.*

*La patro de Tadros estis ĉefdiakono de la kopta ortodoksa eklezio, lernejestro kaj instruisto de la kopta lingvo. La familio malofte manĝis viandon, pro religiaj motivoj. Kiam Tadros estis 6 jara, li vidis sian patrinon buĉi kokon. Li vidis kiel la besto suferis, kaj ekde tiam, neniam plu li volis manĝi viandon.*

*En la aĝo de 16 jaroj, li legis artikolon pri la 20-a UK en Antverpeno (Antwerpen), Belgio, kiu forte impresis lin. Li tuj kontaktis la E-grupon en Port-Saido (Port-Said), kaj lernis la lingvon per koresponda kurso.*

*Kiel leganto de la gazeto "Heroldo de Esperanto" li anoncis ke "egipta studento deziras korespondi kun samideanoj el la tuta mondo", kaj li ricevis amason da leteroj. Post la aperigo de memverkita artikolo en araba revuo, li mem komencis instrui Esperanton.*

*Li translokiĝis poste al la ĉefa urbo Kairo, kie li laboris kiel ĵurnalisto kaj reprezentanto de la sveda internacia informoficejo. Tie li fondis E-klubon, kaj entuziasme aktivis por la disvastigado de la internacia lingvo.*

*En 1949 li veturis al la UK en Bournemouth, Britio. Tiam ekis lia tre aktiva preleglaboro, kiu daŭris plurajn jarojn. Kun la helpo de diversaj E-organizaĵoj, li prelegis senlace en multegaj svedaj urboj, de Malmö ĝis Kiruna, poste en aliaj nordaj landoj, Svisio, Aŭstrio, kun samtempa traduko al la loka lingvo.*

*Centoj da artikoloj aperis okaze de lia plurjara preleglaboro, en lokaj gazetoj, kaj en la E-gazetaro.*

*Dum la prelegoj, li donis ofte provlecionojn. Multaj homoj petis poste lernolibrojn, kaj pluraj fariĝis Esperantistoj. Oni taksis ke lia prelegvojaĝo estis unu el la plej grandaj propagandaj vojaĝoj por Esperanto faritaj en tiu tempo.*

*Por subteni la homan interkompreniĝon li lumbildprelegis pri moderna kaj antikva Egiptio, de la faraonoj ĝis la Unuiĝinta Araba Respubliko (UAR).*

*La imagoj impresas neforgeseble la menson, precipe de la infanoj. Kaptis la atenton de la junuloj ankaŭ la aspekto de d-ro Megalli kun la tipa egipta kapvesto kaj la E-steleto sur la jako.*

*Kiam li prelegis en la lernejoj en la angla, franca, aŭ itala, li ofte skribis sur la nigra tabulo kelkajn vortojn en la araba lingvo kaj montris kiel oni skribas ĝin de dekstre maldekstren. Tio amuzis la infanojn. Poste li diris al la infanoj ke iliaj egiptaj amikoj volas kontakti ilin, sed ĉar tiuj ne scias la anglan aŭ francan aŭ italan, same kiel la angloj, francoj aŭ italoj ne konas la araban lingvon, estos pli bone lerni Esperanton.*

*Sur "magia tapiŝo", d-ro Megalli gvidis la aŭskultantojn tra la vidindaĵoj de la propra lando. Li portis ilin, laŭ la rivero Nilo, al kulturo antikva de jarmiloj, kun la misteraj piramidoj en la dezerto, la historio de la egiptaj reĝoj, la tre riĉaj muzeoj.*

*Li portis ankaŭ ĉiam en lernejojn, kulturajn centrojn, universitatojn, la vegetaranan kaj esperantistan mesaĝon. Li estis tute konvinkita ke la du idealoj, t.e. Esperanto kaj vegetarismo, kondukas la homaron al la mondpaco kaj frateco internacia. Li asertis ke li ŝuldis al tiu lingvo la sukceson kaj la vojon en sia vivo. Li nature estis kontraŭ militoj, kaj helpis junulojn rifuzi la militservon. Li pensis ke se ĉiuj homoj estus amikoj (kio per Esperanto povus esti atingebla) oni ne plu mortigos unu la alian. Kaj li ripetadis senlace la konvinkon, kiu estas subtenita de famaj vegetaranoj, ke "kiom longe ekzistos bestaj buĉejoj, tiom longe ekzistos homaj buĉejoj", t.e. militoj.*

*Por subteni la arab-judan interkompreniĝon li arabigis la verkon "Manifesto de la Paco" de Karl-Otto Schmidt, kaj dediĉis ĝin al la egipta Prezidento Anwar el-Sadat. Laŭ la egipta ĵurnalo "Akhbar Al Yom", la legado de tiu ĉi verko fare de Prezidento Sadat pozitive influis la penson de la prezidento mem pri la tiama pacproceso.*

*Recenzo*

# "La kuireja libro amika al la animaloj. Alnaturcele"

*Kovrilo bindita - paĝoj 192 - cm 28,5 x 21,5 - eŭroj 25,00. La originala titolo de "La kuireja libro amika al la animaloj. Alnaturcele" en la germana lingvo estas "Das tierfreundliche Kochbuch. Hin zur Natur", kaj ĝi estas eldonita ĉe: Verlag Das Wort GmbH Der Universelle Geist - Leben Im Geiste Gottes - Max-Braun Strasse 2, DE - 97828 Marktheidenfeld - Tel. 09391/504-135 - Fakso 09391/504-133. Internet: http://www.das-wort.com.*
*La titolo en la itala lingvo estas "Il libro di cucina amico degli animali. Verso la natura" kaj oni povas mendi ĝin ĉe: Vita Universale - Casella Postale 16068 - IT - 20158 Milano, Italia.*

En "La kuireja libro amika al la animaloj. Alnaturcele" (*Das tierfreundliche Kochbuch. Hin zur Natur*) oni trovas malofte la vorton - vegetarismo -, sed ĉiuj receptoj en ĝi estas el la vera nutrado vegetarana, t.e. sen laktaĵoj kaj ovoj (vidu la proponitan, internacian difinon de la vegetara manĝo - nur el la vegetala regno - en la LETERO de E/V n-ro 17/2001 sur la paĝo 6-a).

La ĉi-supra libro estas belega, kun originalaj receptoj kaj koloraj fotoj tre allogaj. Ĝi diferencas de la plimulto el la vegetaranaj kuirlibroj, ĉar ĝi ne havas nur receptojn de manĝoj, kiuj estas bone priskribitaj kaj bele ilustritaj, sed ĝi portas mesaĝon.

Ĝi estas eldonita de la Fondaĵo "*Gabriele*", kiu intencas realigi la internan ideon de vegetarismo, cele al respek-

to al la Naturo kaj al ĉiuj vivantaj estaĵoj.

Parto de la enspezo de la libro estas destinita por la efektivigo de la fondaĵaj celoj.

La Fondaĵo "*Gabriele*" celas krei pacan, vivigan etoson sur vasta terspaco, kie la animaloj povu vivi liberaj laŭ la propra speco, sen la teruro esti persekutitaj, ĉasitaj, turmentitaj kaj mortigitaj de la homo.

La Fondaĵo zorgas ankaŭ pri la plantoj kaj arbaroj, kaj la tero estas kultivata en la respekto al la Naturo.

Generacioj da homoj kruele mistraktis la teron kaj ŝtelis ĝiajn trezorojn; ili malpurigis la riverojn, kiuj estas la vejnoj de la tero; ili ĵetis kaj ĵetas forĵetaĵojn en la fonton de la vivo, en la marojn; ili detruas la pulmojn de la tero, la arbarojn.

La homoj, kiel kanabaloj, detruas sin mem, kaj la ekscesoj de tiu kanabalismo estas senlimaj. La homo daŭre bredas milionojn kaj milionojn da animaloj, kiuj tagon post tago estas transportitaj en buĉejojn; ili estas mortigitaj senkompate kaj poste ĝia karno estas manĝata, kompreneble bonguste spicita.

Pliajn informojn pri la Fondaĵo "*Gabriele*" oni povas peti ĉe:

*Gabriele - Stiftung - Max-Braun-Strasse* 2 - *DE - 97828 Marktheidenfeld - Deutschland* - Tel. 0049.9391/504-427 - Fakso 09391/504-430 - Interreto TTT: www.gabriele.stiftung.de

Ĉe la Sekretariejo ni havas kelkajn ekzemplerojn de la ĉi-supra libro en la itala lingvo je dispono al la Membroj interesataj.

Ĉu iu samidean(in)o deziras esperantigi la ĉi-supran libron?

# ASOCIAJ INFORMOJ

Aktualajn asociajn informojn TEVA donas al la Membroj per la Organo, t.e. la LETERO de Esperantista Vegetarano, kiu aperas tiom ofte en la jaro kiom estas novaĵoj kaj la kajero ESPERANTISTA VEGETARANO, kiu profundigas la asociajn temojn kaj aperas unu fojon en la jaro.

La kajeron kaj la LETERO-n la Ĝenerala Sekretariejo sendas rekte al la Membroj.

Ĉiu Membro donas jare libervolan mondonacon al la Landa Reprezentanto. La Reprezentanto sendas je la fino de la jaro la sumon de la mondonacoj al la Kasisto:

**S-ro William PARROTT - 15 Aldborough Court - Douglas Avenue - GB - Exmouth EX8 2HA - United Kingdom**

kun letero al la Ĝenerala Sekretariejo ĉe:

**S-ino Lilia FABRETTO - Via Pietro Cartoni 12/12 - IT - 00152 Roma, Italia.**

Per la ĉi-supra letero la Reprezentanto detalas la mondonacojn kun la nomoj kaj la adresoj de la Membroj. En landoj, kie TEVA ne havas Reprezentanton, la Membroj sendas la mondonacojn rekte al la Kasisto s-ro William PARROTT per:

- konto **"teva-h"** ĉe UEA - Nieuwe Binnenweg 176 - 3015 BJ Rotterdam, Nederland, aŭ
- internacia poŝtmandato aŭ
- poŝtĝirokonto TEVA n-ro **271418907** aŭ
- en landoj kie estas malfacile sendi monon per la ĉi-supraj pagmanieroj, la Membroj sendas al la Kasisto IRK-ojn (Internaciaj Respondkuponoj), maldekstre stampitaj de la vendanta poŝtoficejo.

La sola Kasisto de TEVA estas s-ro William PARROTT. Neniu alia estas rajtigita peti kaj enspezi monon por TEVA escepte de la aktualaj Landaj Reprezentantoj, kiuj sendas la monon al la Kasisto je la fino de la jaro.

**La aktualaj nomoj kaj adresoj de la Landaj Reprezentantoj aperas en la lasta numero de la LETERO aŭ de la jara kajero ESPERANTISTA VEGETARANO.**

# Kotizoj

*Sur la antaŭa paĝo aperas informoj pri la pagmanieroj de la jaraj libervolaj mondonacoj, kaj ni aldonas ĉi-tie pliajn detalojn pri la poŝtaj kontoj en kelkaj landoj:*

| | |
|---|---|
| BELGIO | la Membroj en **Belgio** sendas la kotizon al la Reprezentanto **Inĝ ZAIT Olimpia - Rue Kelle 190, boîte 8 - BE - 1150 Woluwe S.P. - Bruxelles, Belgique** kaj la numero de la poŝta konto estas: **000-0383796-64.** |
| BRITIO | la Membroj en **Britio** sendas la kotizon rekte al la Kasisto **S-ro William PARROTT - 15 Aldborought Court - Douglas Avenue - GB - Exmouth EX8 2HA - United Kingdom** kaj la numero de la poŝta konto estas: **271418907.** |
| DANLANDO | la Memborj en **Danlando** sendas la kotizon al la Reprezentanto **S-ro Ejnar HJORTH - Christiansgade 38-2 - DK - 9000 Aalborg, Danmark** kaj la numero de la poŝta konto estas: **189 88 92.** |
| HISPANIO | la nova poŝta konto de la Reprezentanto en **Hispanio S-ro Martín BUSTÍN Benito - Cuenta Caja Postal 1302-0482-99-0023052950.** Ĉiuj informoj pri antaŭa konto ne estas plu validaj. |
| ITALIO | la Membroj en **Italio** sendas la kotizon al la Reprezentanto **S-ino Lilia FABRETTO - Via Pietro Cartoni 12/12 - IT - 00152 Roma, Italia** kaj la numero de la poŝta konto estas: **11804002.** |
| NEDERLANDO | la Membroj en **Nederlando** sendas la kotizon al konto **"teva-h"** ĉe **Universala Esperanto-Asocio (UEA) - Nieuwe Binnenweg 176 - NL - 3015 BJ Rotterdam, Nederland.** |
| NORVEGIO | la Membroj en **Norvegio** sendas la kotizon al la Reprezentanto **S-ro Kjell Peder HOFF - Øyav 64 A - NO - 1900 Fetsund, Norge** kaj la numero de la poŝta konto estas: 0534-3978350. |
| SVEDIO | la Membroj en **Svedio** sendas la kotizon al konto **"teva-h"** ĉe **UEA** aŭ al la Kasisto **S-ro William PARROTT.** |
| SVISLANDO | la Membroj en **Svislando** sendas la kotizon al Reprezentanto **S-ino Elisabeth EISENEGGER - Sonnhaldenstrasse 4 - CH - 8032 Zürich, Helvetia** kaj la numero de la poŝta konto estas: **80-240654-8.** |

*Ni petas al la Landaj Reprezentantoj, kiuj malfermis novan ĝirkonton ĉe la poŝto por ricevi la kotizojn de la Membroj, sendi al ni la numeron de la konto, por ke ni povu informi ĉiujn interesatojn.*

# ESTRARO DE TEVA 2002

| | | |
|---|---|---|
| **PREZIDANTO** | Christopher FETTES, Bloomville, IE - Cloneygowan, Tullamore, Co. Offaly | Ireland |
| **VICPREZIDANTO** | William SIMCOCK, Clayton House, GB - BUTTERTON, LEEK, Staffs, ST13 7SR | United Kingdom |
| **ĜENERALA SEKRETARIO** | Lilia FABRETTO, Via Pietro Cartoni 12/12, IT - 00152 ROMA | Italia |
| **KASISTO** | William PARROTT, 15 Aldborough Court, Douglas Ave, GB - EXMOUTH EX8 2HA | United Kingdom |

Poŝtgirokonto TEVA: 271418907

# LANDAJ REPREZENTANTOJ

| | | |
|---|---|---|
| **ALBANIO** | S-anino Rita PERMETI, Rruga 4 Deshmoret P. 11/B, Shk. 5, Ap. 20, AL - TIRANE, | Albania |
| **ARGENTINO** | Roberto SARTOR, c.c. 48, AR-5881 MERLO (San Luis), | Argentina |
| **AŬSTRALIO** | Bob FELBY, 6 Dorset Street, AU - SEMAPHORE PARK, | S.A. 5019, Australia |
| **BELGIO** | Inĝ. Olimpia BOURGAUX ZAIT, Rue Kelle 190, boîte 8 - BE-1150 WOLUWE S.P. BRUXELLES | Belgique - België |
| **BRAZILO** | Onei BORACINI, R. Paulo Roberto Rezende, 380, BR - SÃO JOSÉ DO RIO PRETO - SP - | 15092-040 Brasil |
| **BRITIO** | William SIMCOCK, Clayton House, GB - BUTTERTON, LEEK, Staffs, ST13 7SR, | United Kingdom |
| **ĈINIO** | D-ro Liang JI LIU, 20 Yang Ming Lu, Jiangxi Zhongyi Xueyuan, CN - 330006 NANCHANG, | Cina |
| **DANLANDO** | Ejnar HJORTH, Christiansgade 38, 2, DK - 9000 AALBORG, | Danmark |
| **FRANCIO** | Inĝ Pascal ROUILLARD, 35 Rue Georges Bizet, FR - 13200 ARLES, | France |
| **HISPANIO** | Martin BUSTIN, Ap. do de Correos 4143 ES - 03080 ALICANTE, | España |
| **HUNGARIO** | József NÉMETH, HU - 8531 - IHÁSZ - Fö u. 41/5, | Magyarország |
| **IRANO** | S. N. MOZAFARI, Sanduq-E-Posti 5935, IR - 11365 TEHRAN, | Iran |
| **IRLANDO** | Christopher FETTES, Bloomville, IE - Cloneygowan, Tullamore, Co. Offaly, | Ireland |
| **ISRAELO** | Mark STEINBERG, P. O. Box 9137, IL - 31091 HAJFA, | Israel |
| **ITALIO** | S-anino Lilia FABRETTO, Via Pietro Cartoni, 12/12, IT - 00152 ROMA, | Italia |
| **KANADO** | Normand FLEURY, 6358 rue de Bordeaux, H2g 2R8 MONTREAL, Québec, | Canada |
| **KOLOMBIO** | Prof. Rafael Antonio MEJIA, Apartado A 6990, CO - CALI (V), | Colombia |
| **KOREO** | Jong-ĝin GIM, Chon-AN, Saseoham 5, CHON-AN SI 330-600, | Chung-nam Korea |
| **KOSTARIKO** | Danilo OVIEDO QUESADA - Apartado 011 - La Cuesta - CR - 8251 CORREDORES, | Costarica |
| **KROATIO** | S-anino Zlata NANIC', Grada Vukovara 238, HR - 10000 ZAGREB, | Republika Hrvatska |
| **KUBO** | Josè Luis MONTES DE OCA, Calle Josè M. Sanchez 70 - CU - 53000 SANTO DOMINGO - Villa Clara, | Cuba |
| **NEDERLANDO** | Rob MOERBEEK, Zwaansmeerstraat 48, NL - 1946 AE BEVERWIJK, | Nederland |
| **NORVEGIO** | Kjell Peder HOFF, Øyav 64 A - NO - 1900 FETSUND, | Norge |
| **PAKISTANO** | S.A. FARANI, House n-ro K-18, Machine Mohalla N-ro 3, PK - JHELUM, | Pakistan |
| **PERUO** | Inĝ P. F. CAMACHO DAZA, El Boulevard 131 Monterrico, PE - LIMA 33, | Peru |
| **POLLANDO** | Prof. Antoni Pawel TABACKI - PL-40-900 KATOWICE - 2 skrytka poczowa 490, | Polska |
| **PORTUGALIO** | PORTUGALA ESPERANTO-ASOCIO, Rua Dr. Joao Couto 6 r/cA, PT - 1500 LISBOA, | Portugal |
| **RUSIO** | Inĝ Bronislav ĈUPIN - a.k. 4831 - RU - 426061 IJEVSK, | Rossija |
| **SUD-AFRIKO** | D-ro J.P. HAMMES, Posbus 40225, Arcadia, 0007 PRETORIA, | Suid Afrika |
| **SVISLANDO** | S-anino Elisabeth EISENEGGER, Sonnhaldenstrasse 4, CH-8032 ZÜRICH, | Helvetia |
| **TAJLANDO** | Pho THAMKHAJADPAIKUM, 42 Ari Samphan 5, Rama 6 rd, Phya Thai, TH - 10400 BANGKOK, | Thailand |
| **TOGO** | Koffi GBEGLO, B.P. 13169,TG - NYEKONAKPOE, LOMÉ, | Togo |
| **TUNIZIO** | Abderra Zak TABKA, Rue Bizerte 72 bis, TN - 4070 M'SAKEN, | Rep. Tunisienne |
| **URUGVAJO** | S-anino Sandra BURGUES ROCA, Francisco Acuña de Figueroa 1957 UY - 11800 MONTEVIDEO | Uruguay |
| **VENEZUELO** | David G. VALECILLOS, Calle 79 - 3 C-72, VE - MARACAIBO, | 4002 Venezuela |
| **VJETNAMO** | Nguyên Dình LONG, 50/6/9 Nguyên Dinh Chiêu, P.3, Quân Phu Nhuân, THANH PHO HO CHI MINH, | Viêt Nam |

Ĝenerala Sekretariejo de:
TUTMONDA ESPERANTISTA VEGETARANA ASOCIO (TEVA), ĉe
Lilia FABRETTO, Via Pietro Cartoni 12/12, IT - 00152 ROMA, Italia
Fakso: 06 58202232
Elektronika Poŝto: centro.stampa@tiscalinet.it

